# Boletin

2.ª Ep. AÑO I, N.º 3 (139)
NOVIEMBRE 1963

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA




Kristnasko estas ĉiama mesaĝo de amo kaj paco. En ĉi tiuj tagoj, kiam datrevenas simbolo de la plej nobla esenco de la homo, ni deziras al niaj legantoj vekigan kontakton kun la fonto eterna de vivo kaj amo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## ATENTU

Bela faldfolio germanligva kun aldona teksto en Esperanto pri la belega antikva ferourbo STEYR, en Supra Aŭstrio, estos sendata —kune kun du aliaj— al interesantoj kontraŭ alsendo de UNU respondk., de INTERNACIA ESPERANTO MUZEO en WIEN, I, HOFBURG, Aŭstrio.

---

La ESPERANTISTA KULTURDOMO, planis por 1964 kelkajn kulturajn aranĝojn. Petu detalan informon al ESP. KULTURDOMO, Kastelo Grésillon, BAUGE (M. et L.) Francujo.

---

Okaze de la 49a. Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en HAGO (Nederlando) de la 1a ĝis la 8a de aŭgusto 1964a. oni eldonis —laŭtradicie— la markon de la Kongreso.

La glumarkoj estas mendeblaj ĉe la Libro-Servo de U. E. A. en Rotterdam (Nieuwe Binnenweg, 176), je la prezo de 0'40 ned. guld. (1'60 steloj) po folio — 10 glumarkoj. Je mendo de minimume 20 folioj estas rabato de 30 % je la vendoprezo.

---

Laŭ iniciato de Sro. Hugo Steiner direktoro kaj fondinto de Internacia Esperanto Muzeo (Vieno) estis eldonita gvidilo pri la Danubo —valo en korekta esperanta esprimformo.

La broŝure faldita gvidilo, trafe priskribas la ĉarman aspekton de ambaŭ riverbordoj laŭlonge de la fluejo. Estas menciitaj inter alie, la gajaj vilaĝoj, historiaj kasteloj, religiaj monumentoj, kaj agradablaj somerrestejoj. La broŝureto estas navebla kontraŭ unu poŝtrespondkupono al:
Amt der niederösterreichischen Landesregierung.

WIEN — 1, Herrengasse 11 - 13.

---

* Belajn poŝtkartojn kaj kovertojn pretigis por vi la Eldona fako de H. E. F. vide al la Esperanta kongreso okazonta en Valencio de la 21a. ĝis la 24a. de julio 1964a. Prezo: poŝtk. Kvin ptojn la deko. Koverto: kvin ptjon. la deko.

* Belaj kaj bonkvalitaj kristnaskaj kartoj estas jam je via dispono, laŭ du belaj aranĝoj. Unuopaj prezoj: 2 ptojn la poŝtkart —formataj; kaj 2'50 ptojn la fald— formataj.

* Ankaŭ oni povas mendi kolorajn poŝtkartojn pri la venonta kongreso, eldonital en Valencio. Prezo: 2 ptojn ekzemplero.

Sendu la monon kune kun la mendo al la Sekretariejo de H. E. F. str. Marina Moreno, 35, 4.º ZARAGOZA.

# REKTAJ INTERHOMAJ RILATOJ KAJ ESPERANTO

*Nicolás L. Escartín*

Kiam oni strebas trapenetri la problemojn kiuj naskas la promesgraveda, sed ankoraŭ ne matura evoluo, de la nuntempa homara vivado, kaj celas trovi ian provizoran solvon al ili, tuj oni rimarkas la mankon de tio kion oni povas nomi psikologia kohereco. Kaj serene analizante la faktojn je ilia propra lumo, ĉi tiu psikologia kohereco aperas kiel ĉefa faktoro en la kreado de rektaj interhomaj rilatoj, ju pli necesaj kaj bezonataj despli akriĝas la mallumaj flankoj de la homa naturo kiuj nuntempe, ŝajne atingantaj sian zeniton, pli ol iam antaŭe en la historio de la homo, minacas nin treni en la plej grandan katastrofon imageblan: la pereo de la tuta tervivo pere de nukleaj aŭ detrusimilaj atomarmiloj.

Estas ĉieskonata fakto ke la hodiaŭa homo ne nur interesiĝas pri tio kio okazas en tuja ĉirkaŭaĵo, sed ankaŭ pri tio okazanta en malproksimaj lokoj. Novaĵoj alvenantaj el landoj ĉu proksimaj ĉu malproksimaj, kune kun tiuj de la propra medio —kaj ni ne forgesu ke la ĉiestempa kulturo, arto, literaturo, muziko kaj filozofio, troviĝas nun je le atingopovo de la ordinara homo— riĉigas laŭ grado preskaŭ nemezurebla la homajn mensojn, kaj senfine multigas la sentojn. Ĉi tiuj faktoroj, ĉu politikaj, ĉu religiaj, aŭ alie apartenantaj al la homaj travivaĵoj, postsekvigas konsciajn kaj subkonsciajn kompleksojn kiuj, laŭ difinita grado, influas, gvidas, kaj plejofte regas, la privatan kaj socian konduton kaj agmanieron de la individuo. Veroj, preskaŭveroj kaj malveroj, alfluas kvazaŭ sugestoplena lavango kaj metas ilian stampon sur ĉies cerbojn kaj animojn. Kaj grave estas rimarki ke ĉi tie troviĝas grandparte la elirpunkto de la interhomaj malkonkordoj kies podetalan genezon mi ne povas pluanalizi en ĉi tiu konciza artikolo.

En la kaosa situacio kiun ni nuntempe travivas, kiam oni senkompate ekspluatas la proksimulon nome de komercaj, politikaj kaj aliaj celoj; en ĉi tiuj tempoj kiam la ardoplenaj deziroj pri materiaj profitoj kaj ĝuoj atingas kulminan, krizan, punkton, estas nepre necese disvastigi plejeble nian lingvon Esperanto, montri al ĝi kiel efikoplenan instrumenton, multpromesan perilon, por HELPI la enkondukon aŭ restarigon de rektaj rilatoj inter la homoj, rilatoj nepre necesegaj por solvi multajn problemojn, kaj atingi tiun psikologian koherecon kiu ebligos la kreadon de civilizacio en kiu aperos nova senco pri la valoroj, kaj la homo ekklopodos trovi sian plej intiman celon en la Dia skemo de nia mondo, hodiaŭ fatale neglektata.

Du novajn ideojn oni devos inokuli al la ĉiulandaj infanoj de la alvenanta mondo: Uno el ili pri la netuŝebla valoro de la individuo, kaj la alia la reala fakto pri la ekzisto de unuopa Homaro. Tio kondukos al nova kulturo de la homo kaj al la rekono de lia respondeco kiel integranta parto de la tuta homaro. Kaj tie ĉi ni povas antaŭvidi kiom grava povas esti la rolo de Esperanto kiel sociologia instrumento por la atingo de tiu celo.

La civilizacio kiu nin atendas estos tre diferenca de la antaŭa. En la nuna tempo oni jam povas rimarki —spite ies opinio— ke la amo al ĉio antikva kaj malnova (mi ne parolas pri tio kio havas eternan valoron kaj pro tio ne apartenas al difinita tempo) enhavos nenian intereson por la estontaj generacioj. La futuraj viroj kaj virinoj rigardos antaŭen kaj kreos «novan senton» (ĉu la Zamenhof-an?). Nova harmonio kaj beleco aperos kaj la homoj de la estonteco tute ne atentos pri tio kio ne estos vere bela, utila kaj spiritenhava. Kiam oni atente trastudas la novajn tendencojn —spite kiom aŭdacaj, stravagancaj kaj neperfektaj povas ŝajni nun al ni— oni povas ekvidi la malklaran ĝermon de nova koncepto

pri arto, literaturo, muziko, ktp. Ĉio tio estas evidenta kaj rimarkabla eĉ en la literaturaj Esperanto-verkoj de niaj modernaj stilistoj.

Mi bone scias kiom grava estas la problemo de la homa genro. Mi plene konscias pri la fakto ke ekzistas plejmulto kies vidpunkto nur ampleksas propran bonfarton, familian rondon aŭ grupan intereson, sed la vivo konstante kaj senhalte iradas, kaj devigos la homon preterpasi tiun stadion. Tiam oni pli kaj pli rigardos la eblecon alporti propran forton kaj utilon al de nacia aro kaj ĝenerale al la tuta homaro.

Ĉiu unuopa homo devos neeviteble akiri konscion pri ĉi tiu problemo, —kies baldaŭa alfronto dependas de la propra evoluogrado— kaj solvi ĝin. Ĉiu kiu havas ioman sperton pri Esperanto bone scias kiom efika ĝi estas por veki tiun konscion, tiun homaranecan sintenon kiun Zamenhof antaŭvidis kaj ni penas realigi. Esperanto ne estis kreata por elito, klano aŭ aparta grupo, sed por ĉiuj homoj, kaj ĝi estas unu el la helpaj elementoj kiuj kunportas tiun necesan kaj neeviteblan transformiĝon kiun postulas la «nova sento» de la homaro, nun lante naskiĝanta.



## Samideana vivo

# G E E D Z I Ĝ O

El día 18 de febrero del corriente año, tuvo lugar en Sabadell, donde residen en la actualidad (calle María Cristina, 81), el enlace matrimonial de los Esperantistas Da. María Ferigle Dantí, de Sabadell, con D. Luis Serrano Pérez de Osorno, quien últimamente residía en Tour (Francia) donde trabajaba. Ambos se conocieron después de un intercambio de correspondencia iniciada al ser publicado un anuncio en «Heroldo de Esperanto». Dato curioso es que ambos aprendieron la lengua internacional de dos «samideanos» amigos: El, de Ramón Molera, con los Cursos por Correspondencia de H. E. F., y ella del curso que tenía lugar los domingos por la tarde en Sabadell, a cargo de nuestro compañero de Junta D. V. Hernández Llusera.

Nuestra más cordial felicitación a la feliz pareja!

# DANKESPRIMO

Pere de «Bulteno» tiuj kiuj ne ĉeestis la lastan Kongreson eksciis pri la nemeritita honorigo al mia persono, laŭ propono de samideano R. Gisbert, kaj akcepto de la Estraro kaj kongresanaro.

Tiel al la proponinto kiel al la voĉdonintoj, ne malpli al tiuj kiuj, tiel multnombre, post legado de la Bulteno, gratulis min, mi dankas tutkore.

En la koncerna kunsido mi klarigis ke mi akceptis la Honoran Prezidantecon, nur kiel omaĝon al ĉiuj, kiuj en la diversaj estraroj, laboris kun mi kaj ebligis ke la Federacio kaj la interesoj de Esperanto en Hispanujo pluvivu kaj firmiĝu.

Mi esperas kaj arde deziras ke ĉiuj daŭre helpu kaj kuraĝigu la novan Prezidanton, tiel prestiĝa, kapabla kaj bonvola, por ke li, helpata de la Estraro kaj de ni ĉiuj, trafu, por nia Federacio, tiujn atingaĵojn kiujn ni ne povis havi ĝis nun.

Plian fojon, tutkoran dankon!

*D-ro R. Herrero.*

# ESPERANTISMO:
## EJEMPLARIDADES



*Jaime Aragay*

Durante el proceso evolutivo de una cultura o civilización, tienen lugar en el trancurso de los siglos, actos individuales o colectivos que si bien en el momento de producirse parecían insignificantes o de poca trascendencia históricosocial, artística o religiosa, no obstante fueron el factor determinante de grandes cambios en el seno de aquellos pueblos que la estaban elaborando. Aquellos hechos al parecer inicialmente inoperantes confirman plenamente el aforismo filosófico de que, no hay acontecimiento de cualquiera índole y por pequeño que fuere, que no haya ejercido alguna influencia positiva en la sociedad respectiva.

El esperantismo por ser un fenómeno netamente social constituye un acto genuinamente cultural, ya que es fruto directo del progreso realizado por los hombres en todos los órdenes y actividades de la vida humana. Por consiguiente, pues, no podía escapar tampoco al fenómeno sociológico antes citado, sino que por el contrario debía de acusarlo con más intensidad, dado que en las épocas moderna y especialmente contemporánea, las acciones materiales o espirituales se manifiestan y realizan con inusitada energía y dinamismo, signo característico y sobresaliente de unas generaciones cuyo denominador común es la rapidez y la prisa.

De ahí por lo tanto justificados el ímpetu y la fiebre que se observa actualmente en todas partes en cuanto a la difusión y adopción del Esperanto se refiere, en cuya trayectoria ascendente son notorias algunas resoluciones que sería imperdonable e injusto soslayar:

BRASIL

Hace unos años que el gobierno brasileño, constatando la ingente labor desarrollada por la «Asociación de Esperanto» de este país acordó dar a dicha sociedad una subvención anual de 260.000 cruceiros para así incrementar más aún la difusión de la lengua internacional.

En la Escuela Normal del Magisterio de la ciudad brasileña Chapeco ha sido declarado oficialmente hace un tiempo el Esperanto como asignatura obligada en la Primera clase dos veces por semana.

ARGENTINA

Dos hechos notables son de destacar en la ciudad de Venado Tuerto (Santa Fe). Primero: Otorgar al «Club de Esperanto» de dicha urbe, personalidad jurídica y al mismo tiempo subvencionarle con la modesta suma de 200 pesos mensuales. Segundo: Habiendo comprobado que el local social de la mencionada entidad no tenía capacidad suficiente para llevar a cabo sus múltiples actividades esperantistas, el Sr. Gobernador de la Provincia de San Fe, Dr. Carlos Sylvestre Begnis, después de recibir la correspondiente aprobación de Su Excelencia el Ministro de Educàción y Cultura Dr. Félix Pagani, concedió la subvención sin precedentes en el movimiento esperantista de Argentina, de 100.000 pesos, cantidad destinada a la construcción de un local propio. Cabe destacar que dicha petición fue apoyada inicialmente por el alcalde de Venado Tuerto, Sr. Vicente Cibelli.

En el Instituto de Filosofía Moderna de la Facultad de Filosofía y Letras, anexa a la Universidad Nacional del Litoral (Rosario), se ha oficializado la enseñanza del Esperanto. A partir de entonces se han organizado dos cursos: uno elemental y otro de perfeccionamiento.

En la Escuela Normal de Rafaela (Santa Fe), el Esperanto ha sido introducido como asignatura obligada para los estudiantes de la 5.ª clase Asimismo el

Ministerio de Educación eligió el 15 de septiembre como Día del Esperanto para el Calendario Escolar, lo que significa que en ese día se dará una lección alusiva en todas las 1.100 escuelas de la provincia.

FINLANDIA

El más importante instituto alemán, Max-Planck, sociedad para el proceso de las ciencias intentó fundar un centro internacional para la información científica y estudiar seriamente la posibilidad de utilizar la lengua internacional para los documentos concernientes.

En vista de ello, 22 científicos de Finlandia enviaron al citado Instituto una carta estimulante en la cual afirmaban su opinión de que el Esperanto servirá como máximo instrumento de información internacional. Los primeros firmantes de la petición son, el Profesor Paavo Ravila, ex-Rector de la Universidad de Helsinki y el Profesor Yrjö Väisälä, profesor jubilado de astronomía y física de la Universidad de Turku, el mismo que hace años dio los nombres de «ZAMENOHF» y «ESPERANTO» respectivamente a dos pequeños planetas. Ambos científicos son miembros de la Academia de Finlandia. También entre los firmantes de la carta en cuestión hay el Profesor Vilho Väsälä y otros directores de geodesia, derecho internacional, filosofía, farmacia, química, etc., etc.

BARCELONA

Otro rasgo de generosidad y filantropía lo constituye el realizado por la Excma. Diputación de nuestra querida ciudad al otorgar al «Instituto de Esperanto» de Barcelona un donativo de 30.000 pesetas, a fin de que nuestra entidad pueda dar a sus actividades esperantistas una mayor amplitud y poder así editar su propia revista «EUROPA UNI» con más holgura. Ni qué decir tiene que agradecemos en lo que vale y representa este noble gesto, preludio seguro de que en lo sucesivo este mecenazgo será continuado en la medida de lo posible.

Muchos otros casos ejemplares podríamos presentar a la curiosidad de nuestros lectores, los cuales darían claro testimonio del proceso histórico esperantista mundial de nuetros días, encaminando a un elevado ideal, o sea, el acercamiento e intercomprensión de todos los pueblos por medio de una lengua internacional, cruzada en la que estamos todos obligados a colaborar, puesto que como muy acertadamente dijo el famoso escritor y filósofo catalán y simpatizante del idioma creado por el Dr. Zanenhof, don Eugenio d'Ors: «Procurar que salga triunfante el Esperanto, es un deber general humano. Si por falta de fe o de obras fracasara, deberíamos sentir el peso de una responsabilidad y un gran remordimiento».

Por suerte, hoy día el Esperanto suscita el interés del mundo entero al darse cuenta exacta de los objetivos primordiales que persigue el esperantismo universal que no son otros que los contenidos en la magnífica y sabia Encíclica «PACEM IN TERRIS» del glorioso pontífice desaparecido, S. S. JUAN XXIII que tan honda y sentida pena ha causado en todo el orbe, el cual ha merecido el título de Papa de la Paz.

---





# ✳ PORSCIENCA-FILOZOFIA ALPROKSIMIGO SESA KUNSIDO ✳

La kulturan nivelon de urbo oni povas taksi, interalie, per la ofta okazigo de publikaj prelegoj kaj paroladoj. Nia urbo Zaragoza, situita preskaŭ kaploke en tiuj aranĝoj, pravigas ĉi tiun aserton per multnombraj kaj tre diversaj paroladoj kiuj okazas en publikaj salonoj kaj sciencaj rondoj. Ili, iom post iom donis al ĝi nacian kaj internacian prestiĝon pro la elstara kvalito de la prelegistoj kaj pro la graveco de la pritraktitaj temoj.

Inter la lastaj prelegoj kiuj meritas specialan reliefigon oni devas citi unualoke la prelegserion kies ĝenerala titolo kapigas ĉi tiun suprajân recenzon Tiu prelegserio —dediĉita al la RILATO— estis daŭrigo kaj kompletigo de la triopo, komencita en la pasintaj jaroj, kies tiamaj temoj, «Kvanto» kaj «Eco», samtempe atingi nacian kaj internacian reeĥon, bone kulturis la grundon por la sukcesigo de la ĉi-jara kunsido kaj certigis plian partoprenon de eksterlandaj reprezentantoj. Estas rimarkenda fakto ke tiuj kunsidoj estis iniciataj en nia urbo antaŭ sep jaroj, kaj de tiam ilia graveco kreskas gigantpaŝe ĉar ĝia celo —starigi dialogon inter filozofoj kaj sciencistoj, kun la intenco atingi pli bonan interkomprenon kaj kunlaboron por la solvo de la problemoj komunaj al ili— vaste reeĥis en la eksterlando kaj speciale en la sudamerikaj Universitatoj.

La etoso kiu kondiĉis la disvolvigon de ĉi tiuj kunsidoj estis ĉiumomente akademia kaj altintelekta, kaj la traktitaj temoj estis avide «englutitaj» de la kunsidanta partoprenantaro. Mi bedaŭras ke la limigita spaco de mia raporto (nia revuo estas ja malgranda) nur permesas al mi «kripligi» pli-malpli trafe la ĝeneralan temaron kaj centrigi la atenton en la intervenojn de niaj elstaraj samideanoj D-ro Sancho Izquierdo (Prezidanto de H. E. F.); Rvo. S-ro J. Nieto, kaj nia sekretariino fraŭ. Ines Gastón, kiu lerte kunhelpis en la legado kaj kompletigo de la skribaĵo prezentita de S-ro. Nieto.

La prelegaron (kiu okupis la semajnon de la 3.ª ĝis la 10a de novembro) solene malfermis Prof. S-ro Adolfo Muñoz Alonso, per interesplena kaj dislumiga lekcio pri «Ontologio de Rilato». La ĉieskonata kapableco, ĵuvelbrila oratoreco kaj konvinkiga elokventeco de Prof. Muñoz Alonso atingis la nivelon al kiu li nin alkutimigis en antaŭaj okazoj, do, plua priskribo estas nenecesa.

En la sekvanta sesio, tute dediĉita al la temo «Terminologio kaj gramatiko», prelegis dek elstaraj specialistoj. Dro Sancho Izquierdo —bone konata pro sia kontribuo al la sukcesigo de la pasintjaraj kunsidoj— brile kaj kapablplene disertis pri la Esperanta Terminologio de la RILATO. Tiu delikata temo, kiu postulas posedi ĝisfundan gramatikan scion, vastan vortprovizon kaj perfektan regadon de la diversaj vortnuancoj, do, plenan identiĝon kun la karaktero de nia lingvo, estis ne nur majstre sed ankaŭ amuze pritraktata kaj sekcie analizata de nia Prezidento. La intereso kiun li vekis estis tiel granda ke, laŭ peto de la ĉeestantoj, kaj post fini la disertacion, estis devigata denove kromparoli pri aliaj aspektoj kaj gramatikaĵoj de Esperanto. Li faris tion per tiu agrabla komplezemo kiu lin karakterizas kaj ni tre ŝatas. Tiaj prelegoj, antaŭ tia aŭskultantaro estas gravaj paŝoj antaŭen al la atingo de pliaj esperantistigoj.

Alia kontribuo al la diskonigo de Esperanto estis la verkaĵo de S-ro Nieto, pri la sama temo. Ĝin legis kaj klarigis nia sekretariino fraŭ. Inés Gastón. Ŝi, per tiu kajableco, humuro kaj lernigsperto kiun ŝi havas, atingis la atenton de la publiko kaj la merititan sukceson.

La ceteraj kunsidoj disvolviĝis laŭ la planita ordo kaj havis sukceson pli grandan ol supozate. La eniro de Esperanto en tiaj kunsidoj pere de nia Prezidanto, malfermas pli larĝan perspektivon al ĝi en la intelektaj rondoj de nia urbo.

Indan broĉon al la kunsido metis la Subsekretario de Nacia Edukado, Sro Legaz Lacambra majstre prelegante pri «Jura Rilato kaj realeco de la Rajto». Li estis tre aplaŭdata. Post tio la Kapitan-Generalo S-ro Alonso Alonso, deklaris la kunsidaron fermita.

Espereble, en la venontaj jaroj, ni havos denove la okazon ĝui tiajn kunsidojn. De tie ĉi nur restas al mi kore gratuli al niaj samideanoj pro ilia brila partopreno kaj bonega laboro favore al Esperanto.

*Nicolás L. Escartín*

## ✳ Ni legis por vi...

INTERNACIA MONDREGNO KREIĜANTA.—de Martinus. Eldanigis P. Zacho.—Eldonita de MARTINUS INSTITUTO. 88 paĝoj. Blanka, tola bindo kun la titolo kaj simbolo en ora, tre bela, stampo. Prezo 6'50 d.kr.

Ĉi tiu libreto, malgranda laŭ paĝoj sed granda laŭ enhavo, celas esti kontribuo —laŭ vortoj de la aŭtoro mem en la antaŭparolo— al la kompleta ĉeso de la tutmonda socia krizo kiun la homaro trapasas. Kvankam la libro estis verkata en la jaro 1.931a kiel kvara ĉapitro de la ĉefverko de Martinus (LIVETS BOG), oni konsideris utile traduki ĝin nun kiel apartan libron ĉar ĝia enhavo estas ankoraŭ tre aktuala kaj speciale tuĝa por legantoj interesitaj pri sociaj problemoj, kvankam ĉiu homo kiu amas la justan penson trovos en ĝi scion kaj inspiron tute eksterordinaraj.

Tralegante ĉi tiun libron, la 9a tradukita en nia lingvo, oni admiras denove la grandan klarvidon, la genian lertecon de la aŭtoro por trakti laŭ facila maniero la plej profundajn problemojn de la vivo. La esenco de la nuntempa kaj estonta socia sorto de la homaro estas pritraktata en ĝia rilato kun la plej profundaj leĝoj kiuj regas la vivon. Plejofte ĉi tiuj leĝoj trovas simbolan esprimon en la bibliaj eldiroj.

Vere mirinda libro kies legadon mi speciale rekomendas al tiuj homoj kiuj ŝatas havi pri ĉiuj problemoj de la vivo kosman superrigardon, kaj samtempe deziras trovi propran vojon kaj celon tra la labirinto de politikaj, naciaj kaj sociaj problemoj kiuj nin ĉirkaŭas.

*N. L. Escartín*

LA SURTERA PACO.—Encikliko de Papo Johano XXIII.—Kristana Kulturo. I. K. U. E. Kajero n-ro 3.—Por la Esperanto-eldono kunlaboris: Sac. W. Flamer; Patro H. Roosen S. C. J.; Truus Durenkamp; Frato Leotado de Ruyver.

La Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (I. K. U. E.) celas per ĉi tiu traduko en Esperanto, informi la katolikajn kaj ne katolikajn Esperantistojn pri la Pac-Doktrino de la Papa Encikliko.

La Esp. stilo estas sobra, preciza kaj eleganta kun tre bona preso sur bonkvalita papero.

*N. L. Escartín*

DUONVOĈE.— G. E. Maura.— Dekoracioj de Raymond Moretti. — Kovrilo de D. H. Young.—Stafeto: Beletraj Kajeroj, 19.—J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj insuloj, 1963.— 12 × 19 cm.—180 paĝoj.—Prezo 1,50 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).

D-ro Pumpr, leterforme recenzis jenmaniere:

«Al estimata sinjoro G. E. Maura, pere de la Eldonejo STAFETO, La Laguna. Tre estimata kaj kara samideano: Antaŭ pluraj monatoj —estis en mezo de julio— la poŝto alportis al mi tute freŝan vian poemaron «Duonvoĉe», tamen sen returna adreso de la sendinto. Mi enketis vane, kien mi povus direkti miajn dankojn; do mi decidis, ĉekaze uzi peradon de nia komuna amiko, la eldonisto de la STAFETO, Juan Régulo Pérez.

«Vian libron mi ricevis ĵus antaŭ mia forveturo al dusemajna libertempo, kiun ni pasigis ĉe la maljuna bopatrino en modesta vilaĝeto inter densaj arbaroj. Ardis tiam suno preskaŭ hispana, la ĉielo estis sude lazura, la kampoj plejparte jam falĉitaj, estis silentaj; nur ie malproksime rinkis monstraj rikolmaŝinoj de la kolĥozo. En tia atmosfero mi, kuŝante sub kverko ĉe rando de zumanta arbaro, kun plezuro enprofundiĝis en Viajn versojn.

«La libro min katenis. Mi jam bone konis kaj ĉiam alte taksis kelkajn el viaj poemoj, kiuj siatempe aperis precipe en la NICA; kaj nun mi posedas ilin en unu kompleta volumo. Mi povis ĝui vian riĉan imagon, Viajn facilflugajn ideojn, Viajn poeziajn bildojn kaj vortturnojn («Kronante l'kapon per la brakoj...»)

«La ciklo havas sian percize ellaboritan arkitekturon, jen en la temoj, jen en la formo: amoro — amaro — humuro — dum iro; la sep folioj de la ventumiloj, kiuj apertas la amaventuron kaj la sep grajnoj de la rozario, kiuj fermas ĝin.

«Mi, kun alta ŝato, legis la versojn de erotiko (Danko, Sopiro). Kaj tiu «1963», ŝajne pentrita de la realeco, koron tuŝanta («Mi ne esperas ke vi min atendos; ĉar tro malluma la tiea

nubo, tro amsoifa via jun'floranta»). La submarĝenaj datoj donas al la leganto multloke la komprenigan ŝlosilon. Espero sinkonsolo — eterna fido — sur la fono de defore tamburanta ŝtormo: «io almenaŭ spitas al perdiĝo, io skapos ja la mortotrudon...»

«Kaj ni —kvazaŭ per natura evoluo de la eksteraj eventoj— jam estas en la Apokalipsaj bildoj de la Amaro. La senafekte realisma, verama, preskaŭ profeta salut— kaj adiaŭvorto: «Unu manprem' ankoraŭ, ankoraŭ unu kiso, kaj nun finite! Fratoj, jen venas via vico».

«Korskua estas la psalmo 137 (ankaŭ la Kalocsaya parafrazo), kaj De Profundis («kompatu, kompatu vin mem, sinjoro).

«Kiel ne ĝoji pri la versokvaroj «Sub sonĝoj de somero» («Dum nokt'ebria svage videtas sen kiteloj peladi sin prelude faŭnino kaj priapojn «dum amor'furiozas»).

«La poeziaj ideoj fine estas kunpuŝitaj kiel svarmo de pepantaj birdoj, en la «unuversaj universoj», kvazaŭ ili eĉ ne havus tempon elkreski kaj disflori. Jen kelkaj, el la plej elvokaj:

«Du vortojn, nur du vortojn, kaj inter ili — fulmon!»

«All paseret' trinkigas la flako ĉielbluon».

«Junec' tremanta korbo da fragoj kaj diantoj».

Kaj super ĉiuj la lasta:

«Ho neĝo, kiel bela vi estos, trans la homoj».

«Vi konsciigas al Vi la amaran salon de la senlima oceano kaj tamen (por paroli per vortoj de ĉeĥa poeto) Vi ne forgesas trinki el la dolĉakvaj fontetoj de la tero.

«Mi dankas al vi pro la kelkaj belaj, poeziplenaj horoj».

«Via sindona kaj respektplena:

DRO. PUMPR.

Praga/Ĉeĥoslov./

# EL DON-KIHOTO DE LA MANĈO

## CAP.° - 40.°; DE CERVANTES



Esperantiĝintaj je la kvarcenta datreveno de la kapitulacio de sepmil hispanoj antaŭ duonmiliono da turkoj kaj afrikanoj, en Tunezio, ĉe la Goleto kaj la Fortikaĵo.



*Tradukis F. AZORIN, México, 1963*

### SONETO I

*Epitafo al la Goleto*

Spiritoj gajaj, el vual' liberaj
de l' morta puno, pro la bon' farita,
ekflugis for de la mizeroj teraj
al la Ĉielo, plej alte glorigita.

Brulante ili pro furioj veraj
de la korpoj la forto ekscitita
per sango propra kaj alies, fieraj
lasis tie marbordon ruĝigita.

Antaú ol la kuraĝ vivon forlasis
kun la lacegaj brakoj; ĉe la morto
faris el la malvenko venkon belan;

Malĝoja fal' al ili postelasis
inter la muroj kaj la fera sorto
famegan gloron mondan kaj ĉielan.

### SONETO II

*Adiaŭo al la Fortikaĵo*

El ĉimalglata lok' nefruktodona,
el ĉidispolgitaj teraj buloj,
l' animoj gloraj de trimil bravuloj
senmortaj flugis al Loĝej' plej bona.

De l' fortaj brakoj la kuraĝ' sindona
vane elĉerpiĝis en impetaj nuloj
ĝis fali ĉiuj, ho malfeliĉuloj,
sub l' akra rando de l' glavo mortodona.

Jen ĉitie la fundo, kies fino
atingis la klopodoj aventuraj
okazintaj en tempoj diversaĝaj.

Neniam, tamen, al malmola sino
animoj flugis al Ĉiel' pli puraj
nek teren restis korpoj pli kuraĝaj.

# INDONEZIO PETAS HELPON

Mi ricevis cirkuleron de tiu ĉarma lando, en kiu post kelkaj konsideroj pri forta esperanta movado precipe en eŭropa kaj amerika kontinentoj reliefigas la kreskantan antaŭenpuŝon kiun oni rimarkas en aziaj landoj kial ekzemple Japanio kaj Ĉinio. Ili plendas pri la malfacila agado kaj malmultaj preskaŭ izolitaj esperantistoj kiuj kuraĝe laboras por nia afero en Indonezio. Ili oferas kaj disponigas al vi konvenan, taŭgan kaj plej novan broŝuron.
«ESPERANTO, ĜIA STRUKTURO EVOLUO KAJ PROGRESADO».

Ĉar la libro estas por neesperantistoj estas uzata indonezia lingvo. Ankaŭ enhavas apartan instigan artikolon.
«NAŬ TEZOJ PRI LA AZIO-AFRIKA LINGVOPROBLEMO».

Kaj tiu ĉi konvinkiga artikolo estas en kvar lingvoj. Esperanta, Indonezia, Ĉina kaj Angla.

Oni petegas al gesamideanoj de la tuta mondo ke ili aĉetu tiun ĉi libreton kies prezo estas nur 2 inter. resp. kup. plus 1 resp. kup. por registrita sendo.

Viajn petojn adresu al

INDONEZIA ESPERANTISTO LIEM TJONG HIE

Dj. Gadjah Mada 60 S E M A R A N G

---

El Grupo Esperantista del Centro Excursionista Puigcastelar, de Santa Coloma de Gramanet (Barcelona), inauguró el día 20 de octubre del corriente año los nuevos cursos de Esperanto, editando, a manera de invitación, un prospecto de gran formato en el que se recomienda el estudio de dicho idioma.

---

El Secretario General de Propagación del LICEO DE ESPERANTO, ha publicado un impreso, cuidadosamente preparado y bien documentado, sobre el idioma Esperanto. Dirigido a los intelectuales, técnicos, comerciantes, estudiantes, etc., presenta un amplio bosquejo de los fines y logros del Esperanto.

---

El Rvo. P. J. Claramunt, ha publicado en español un excelente folleto titulado EL IDIOMA AUXILIAR ESPERANTO, cuya lectura recomendamos. En él aboga por la adopción del Esperanto y resume los trabajos científicos realizados para resolver el problema de la necesidad de un idioma auxiliar universal.

---

## DIVERSAĴOJ

— Pedagogoj ne atentis ĝis nun, ke estas preferinde multe scii en malmultaj lingvoj ol malmulte en Multaj.

Ili neniom okupas sin je la forigo de la enorma balasto, je kiu oni ŝarĝas la malfeliĉan menson de la homidoj. Tiamaniere ili neniom kapabligas lernantojn kompreni kiel eble plej multajn fakajn dialektojn. Ortografio estas unu el la plej forigendaj balastoj. Ankaŭ la multaj alfabetoj. Tapokeco sufiĉas por la skribado de ĉiuj lingvoj. Kiam fine pedagogoj aplikos la saĝan leĝon de sufiĉo kaj neceso? Kiam fine lernantoj ĉesos vivi en la aktualan lernejan inferon Kiam fine grandiĝos la altira forto de la lernejo?

— Oni ne povas senti kontraston kiam el la ardanta forno oni saltas en glacian akvon aŭ inverse el la glacia akvo en ardantan fornon ĉar aliaj sentorganoj de la palpado estas tiuj, kiuj avertas nin pri la varmo kaj aliaj estas tiuj kiuj avertas nin pri la malvarmo kaj kiam unuj funkcias, la aliaj dormas.

«TAMTAMO»

# ESPERANTISTA RENKONTO

*V. Hernández Llusera*

La 29an de septembro 1963 okazis la 5.a Barcelona-provinca Esperantista Renkonto en la fama ledindustria urbo Igualada. Jam matene alvenis en la urbon aŭtoĉaroj kun gesamideanoj el Moyá, Manlleu, Vich, Tarrasa kaj Sabadell. Grandaj afiŝoj kun la teksto «Alpech Esperantista Igualada» ornamis la du leste nomitajn aŭtoĉarojn. Aliaj gesamideanoj, precipe el Barcelona, kaj Manresa veturis per trajno, aŭtobuso aŭ privata aŭtomobilo.

La loka organiza komisiono eldonis belan kunvokan programon en Esperanto, ĝustatempe sendatan al ĉiu regiona esperantisto. Krome ĉiu partoprenanto ricevis originalan verdan stelon el ledo kiel insignon.

La Renkonton inaŭguris katolika meso kun prediko en Esperanto kaj modela kantado de motetoj, ankaŭ en la Internacia Lingvo, fare de la urba infanĥoro, sub la lerta gvido de pastro Vidal Bachs. Sekvis kolektiva vizito en la Urbodomo, Baziliko Sankta María kaj Sindikata Tanindustria Altlernejo.

Ĉar D-ro. Mariano Solá ne povis ĉeesti pro malsano, lin anstataŭis lastmomente en la anoncita prelego, samideano Viladoms Valls, U. E. A. delegadito en Sabadell, kiu per sia simpla sed samtempe elokventa oratora stilo, paroladis pri Esperanto kaj ties Movado. La festo havis sian kulminon en samideana bankedo, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 300 personoj, al kiuj al doniĝis pluraj ĉe la desertoj, proksimume ĝis 400. Tuj post la kunmanĝado diris enkondukajn vortojn la animo de la festo, samideano Josep M.a Castelltort, kaj tuj sekve paroladis advokato Solé Saldaña, H. E. F. vicprezidanto, kiu legis saluton de D-ro. Miguel Sancho-Izquierdo, prezidanto de H. E. F., kaj leterojn de samideanoj ne povantaj ĉeesti, al kiu parolado respondis ĝentile S-ro. Aribau Font en la nomo de la urbestraro de Igualada.

Fine la rendevuantoj ĝuis Esperanto-lingvajn sonojn de konataj kantoj, kiujn sukcese prezentis la juna ĥoro de Igualada. Lastvice ankaŭ estis prezentataj samideanino Sabina de Travé, kantsolistino de «Orfeò Manresà» kaj muzikprofesoro Josep M.a Llorens, aŭtoro de la sardano. «Sabadell Esperantista», kiuj gevirtuozoj pruvis unu fojon pli, ke Esperanto plene taŭgas por la arto kanti.

La 6.a Esperantista Renkonto okazos, laŭ unuanima decido, en Vilanova y Geltrú, se eble la venontan jaron.

---

## SOLVO de la ENIGMO n.o 1

HORIZONTALE

1. Kankro. Blanka. — 2. Palto. — 3. Vintro. Kudras. — 5. Parolis. — 6. Sulka. Pajlo. — 7. Rezigni. — 8. Beata. Ruino. — 9. Denunci. — 10. Fondi. Tagoj. — 11. Sistolo. — 13. Bremsi. Impeti. — 14. Dudek. — 15. Staplo. Ordoni.

VERTIKALE

1. Kovras. Farbis. — 2. Utero. — 3. Neniel. Necesa. — 5. Paradis. — 6. Opona. Irido. — 7. Rezonas. — 8. Sledo. Trudi. — 9. Legendo. — 10. Boksi. Laiko. — 11. Spirito. — 13. Nervoj. Galero. 14. Lando. — 15. Ansero. Jubili.

---

## Forpasis...

- En Barcelona subite mortis en la aĝo 67 jaroj, S-ro. JUAN ARAGAY PUJOLS frato de nia samideano S-ro. Jaime Aragay Pujols.
- En el Ferrol del Caudillo mortis 81 jaraĝa la S-ino. AMPARO CASTELEIRO patrino de la D. de U. E. A. S-ro. Juan López Casteleiro.

NI ESPRIMAS NIAN SINCERAN KONDOLENCON AL TIES FAMILIOJ.



Ĉe la Sindikata Tanindustria Altlernejo la Barcelona provinca samideanaro bildigas la momenton.